# Esperanto Hamburg



Hamburga Esperanto-Societo r. a.
Esperanto-Verein Hamburg e.V.

Novembro / Decembro (5) 2012 / Januaro 2013

## Bunta urbo Hamburg

**Ankaŭ en aŭtuno la urbo prezentas multajn kolorojn**

Maturaj sorpoj

Foto: Klehr

**Esperanto Hamburg** ehh

**Eldonanto:** Hamburga Esperanto-Societo r. a.
www.esperanto-hamburg.de

Poŝta adreso:
Klaus-Groth-Str.95
20535 Hamburg
Tel: 0160 / 17 33 980

Konto: GLS-Bank
n-ro: 200 67 16 500
BLZ 430 609 67

**Prezidanto:**
*Jürgen Wulff*
Wandsbeker Chaussee 185 b
22089 Hamburg
wulff@esperanto-hamburg.de

**Redaktoro:**
*Benno Klehr*
Winterhuder Weg 32
22085 Hamburg
Tel: (040) 431 883 47
klehr@esperanto-hamburg.de

## Karaj legantoj,

nun ni jam atingis la malhelan tempon de la jaro kaj ni jam planas por la venonta jaro. En Februaro ni havos nian jarĉefkunvenon, dum kiu ni volas decidi pri nova teksto por nia statuto. La ĝisnuna teksto ne plu konvenas al la bezonoj de la klubo.
Karaj membroj, nepre venu al la jarĉefkunveno!
La nova statuto valoras la ĉeeston de kiel eble multaj.
La estraro prezentos kaj klarigos la ŝanĝojn al la membroj dum klubvespero la 13an de Decembro, la ĵaŭdon antaŭ la Zamenhoffesto, kiu en tiu ĉi jaro okazos en la malantaŭa salono en la teretaĝo. La loko en la salono estas limigita, do ni nur povas akcepti aliĝojn en limigita nombro. Do baldaŭ aliĝu.
En Majo 2013 okazos eklezia kunveno en Hamburg, kiam ni promesis helpi al KELI en la prizorgado de Esperanto-informstando. Bonvolu anoncu vian pretecon helpi ĉe la estraro.
De la 17a ĝis 20a de Majo 2013 okazos la Germana Esperanto-Kongreso en Nürnberg por kiu nun ankoraŭ validas la unua periodo kun malpli alta kotizo.
Mi deziras al vi ĉiuj agrablan kristnaskan tempon kaj prosperan novan jaron.

*Benno Klehr*

La kunvenoj de

**Hamburga Esperanto-Societo**

okazas en la

*Kultur-Butiko*




**Alexanderstr. 16**
**20099 Hamburg**

## Sentenco

**Nia somero**
**nur estas**
**verde pentrita vintro.**

Heinrich Heine

**Redaktofino**
**de n-ro 1/2013: 15-01-13**

**Redaktofino**
**de n-ro 2/2013: 15-03-12**

**Redaktofino**
**de n-ro 3/2013: 15-05-13**

**Freitag, 1. Februar 2013, 20:00 Uhr: Öffentliche Lesung**

**im großen Saal im ersten Stock des Kulturladens St. Georg:**

**Thorsten Sueße liest aus seinem Buch mit Esperanto-Bezug:**

# Toter Lehrer, guter Lehrer: Ein Hannover-KRIMI




**Kurzbeschreibung**

Hannover-Linden. Sebastian Rokahr, ein 18-jähriger Schüler des Hermann-Hesse-Gymnasiums, wird ermordet in seiner Wohnung aufgefunden. Sein Tod gleicht einer Hinrichtung. Das streckenweise kriminelle Verhalten des Opfers passte so gar nicht in das bisherige Bild der Lindener Vorzeigeschule: Diebstahl, Erpressung, sexuelle Belästigung einer Lehrerin, Kontakte zu Drogendealern und Einbrechern aus dem Hannoverschen Rotlichtmilieu. Außerdem hatte der intelligente und wortgewandte Sebastian einen psychologischen Kriegszug gegen einen seiner Lehrer, Carsten Sonnenberg, geführt und diesen über Monate im Unterricht gedemütigt...



Foto: privat

**Thorsten Sueße**, geboren 1959 in Hannover. Lebt mit seiner Familie in Hemmingen/Niedersachsen.

**Einladung zur Jahreshauptversammlung**
Hiermit werden alle Mitglieder des Esperanto-Vereins Hamburg e.V. eingeladen zur Mitgliederversammlung am Freitag, dem 21. Februar 2013 um 19.30 Uhr im Kulturladen St. Georg, Alexanderstr. 16, 20099 Hamburg.

Folgende Tagesordnungspunkte sind laut Satzung vorgesehen:

Erstattung des Jahresberichts und des Kassenberichts
Bericht der Kassenprüfer
Diskussion
Bericht des Beirats
Entlastung des Vorstandes
Budget, Beiträge und Pläne
**Diskussion und Entscheidung zur Neufassung der Vereinssatzung**
desgleichen über weitere Vorschläge
Verschiedenes

Im Namen des Vorstands.
Benno Klehr, 2. Vorsitzender

## Zamenhoffesto de HES

**okazos la 15an de Decembro 2012**
**kun komuna manĝado ek de 18:00 h**

**Atentu!**

**Ĉi-jare ni havas limigitan nombron de sidlokoj!**

**Prezo de la manĝaĵo: € 13,–**

**Bonvolu aliĝi ĝis la 1a de Decembro dum klubvespero aŭ rete ĉe**

***Benno Klehr*** klehr@espernto-hamburg.de

# NIA PROGRAMO

Ĵaŭdaj klubvesperoj: en ***Kulturladen St. Georg***
Alexanderstraße 16 • 20099 Hamburg • 19.00 h la membroj
kolektiĝas en la kafejo • 19.30 h vespera prelego laŭ la suba programo

Ĵaŭde de 18.30 h ĝis 19.30 h
***Paroliga Rondeto:*** praktikado
kaj ekzercado de la lingvo

## Novembro

**1** *Dominik Grauert:* **Muzaiko**
Muzaiko estas tuttempa tutmonda tutmojosa tutesperanta retradio.

**8** Filmo 90-minuta Pupteatro de
*Christoph Frank:*
**Minĥaŭsen - la vera kazo**

**15** *Benno Klehr:* **GRAVE** (GRAmatika VEspero)
**Tempo kaj Tempo de la verbo 1**

**22** *Pia Haasis, Mariko Aoshima, Gerald Roemer*
**Documenta**
La mondfama ekspozicio el tri vidpunktoj.

**28** Merkredo 18.30 h
**Estrarkunveno** (publika)

**29** *Benno Klehr:* **GRAVE** (GRAmatika VEspero)
**Tempo kaj Tempo de la verbo 2**

## Decembro

**6** *De ViTubas:* **Kristnaskaj kantoj kaj filmetoj**

**13** *La estraro invitas:* **Diskutado pri la estonteco de HES.**
Diskussion über geplante Satzungsänderungen

**15** **Zamenhoffesto de HES**
**18h, prezo € 13,–**

**19** Merkredo 18.30 h
**Estrarkunveno** (publika)

Poste ne plu okazas klubvesperoj
ĝis la 10a de Januaro 2013.

## Januaro

**10** *Benno Klehr:* **Historio de HES**

**17** *Ni kune aŭskultas:*
**Libera Radio Erfurt**

**23** Merkredo 18.30 h
**Estrarkunveno** (publika)

**24** *Benno Klehr:* **GRAVE** (GRAmatika VEspero)
**Komparo**

**31** Filmo en la rusa lingvo kun Esperanta vira voĉo kaj Esperantaj subtitoloj:
Ŝtelado de fianĉino

## Februaro 2013

**1** Öffentliche Lesung im großen Saal im ersten Stock des Kulturladens St. Georg:
*Thorsten Sueße* liest aus seinem Buch mit Esperanto-Bezug:
**Toter Lehrer, guter Lehrer**:
Ein Hannover-KRIMI

**7** *Ralph Glomp:* **Ĉeĥov kaj ŝlagro**
El rememoroj de idealisto

**21** **Jahreshauptversammlung**
**Jarĉefkunveno 19:30 h**

# Hamburg-Enigmo

Oni povus imagi, ke tiu ĉi foto estis farita en Kolonjo – sed ĝi montras straton en Hamburg; sed kie?






**Ges-roj Schmidt 1981** Foto: Wikimedia

# Loki-Schmidt-Lernejo

En Hamburg-Othmarschen baza lernejo nun portas la nomon de *Hannelore „Loki" Schmidt*, naskita *Glaser* (3. 3. 1919 - 21. 10. 2010), la edzino de la iama germana kanceliero *Helmut Schmidt.*

Tamen tiu honorigo okazis pro ŝiaj meritoj en la fako de botaniko. Post ŝia laboro kiel instruistino en tiu lernejo, ŝi multe vojaĝis al botanikaj esploroj kaj malkovris plurajn, antaŭe ne priskribitajn plantojn, kiuj nun portas ŝian nomon. Ĝis sia morto ŝi okupiĝis pri naturprotektado kaj botanika instruado de infanoj, iniciante projektojn pri naturprotektado. Ŝia *Fondaĵo por la protektado de endanĝeraj plantoj* ĉiujare publikigas la *floron de la jaro*, kiu ankaŭ aperas sur poŝtmarkoj.

La lernejo, kiu nun portas ŝian nomon planas laŭ ŝia ekzemplo pli multe okupiĝi pri naturaj temoj kaj volas ankaŭ okazigi subĉielajn lecionojn.

Dum festo okaze de la nomigo, ŝia filino *Susanne*, kiu estis lernantino en tiu lernejo, paroladis al la ĉeestantoj. *Helmut Schmidt* (93), kiu ankaŭ ĉeestis, ne parolis, ĉar ja ne estis lia tago. Li bonhumore aŭskultis kaj ridigis la infanojn per amuzaj grimacoj.

Lia tago sekvos en Novembro, kiam en *Hamburg-Wilhelmsburg* gimnazio ricevos lian nomon, por esprimi la respekton de tiu kvartalo, kiu plej suferis dum la granda inundo en 1962, kiam li kiel polica senatoro tuj helpis, neglektante leĝajn malpermesojn.

## Mitgliedsbeiträge 2013

**Mitgliedsbeiträge des Esperanto-Verein Hamburg e. V.**

**Bitte den Mitgliedsbeitrag bis zum 28. Februar 2013 überweisen!**

oder erteilen Sie eine Einzugsermächtigung (unten auf dem Beitrittsformular im Internet: www.esperanto-hamburg.de/beitrittsformular.pdf ).

Die Beiträge betragen:
50 € - normale Mitgliedschaft / Personen mit Einkommen
25 € - Familienangehörige, Jugendliche, Mitglieder ohne eigenes Einkommen
12 € - Kinder und Jugendliche bis 16 Jahre

Kontoverbindung des Esperanto-Verein Hamburg e.V.:
GLS Gemeinschaftsbank, BLZ 430 609 67
Konto Nr. 2006716500



# Biciklado tra Allermöhe

Antaŭ la stacidomo *Nettelnburg* la hamburgaj HESaj biciklistoj renkontiĝis. Gvidata de la granda verda Esperanto-flago, sekvonta ĉiam tuj apud la verda stelo kiu aŭ spirite aŭ lingve lumigis niajn vojojn ni komencis la aventuron. De la stacidomo parto de nia grupo biciklis al la preĝejo kiu aspektas kiel grandega testudo kun turo. Ni ekstere alrigardas la diablon kiu estas tie kiel plastiko. Ene ni kantis verdan kanton kaj la preĝeja pianistino kunludis piane kiam ŝi aŭdis nin. Poste Alavaro kaj sia edzino alvenis kun la alia parto de nia grupo kiu atendis ilin ĉe la stacidomo. Ni faris grupan foton kaj pluigis la bicikladon. Jes ja, ni tra *Nettelnburg*, *Allermöhe*, *Nov-Allermöhe* kaj *Curslack* biciklis al la lago *Eichbaumsee* kie okazas dragonboataj konkursoj. Mi ege ŝatas la vorton konkurso, ĉar ĝi enhavas la du vortojn: konko kaj urso. Do germane konkurso estas Muschelbär. Mi ĉiam devas rideti se mi provas imagi kiel tiu besto devus aspekti.

Klaus gvidis nin krome al alia preĝejo. Sed tiu estis ŝlosita do ni nur povis alrigardi la belegan tombejon ĉirkaŭe. Finfine ni manĝis ĉe la *Klausa* loĝejo trinkis teon kaj kafoklaĉis. Post ĉio mi renkontiĝis kun mia frato kiu malfruis ĝis nun kaj tielmaniere maltrafis la bicikladon. Do ni kune faris la bicikladon denove kaj iom pli. Finfine do mi biciklis pli ol sepdek kilometrojn je tiu mojosa tago.

*Dominik Grauert*

# Vojaĝo kun aliaj nordgermanoj al Bad Zwischenahn

Zwischenahner Meer estas granda lago. Tamen ĝi estas nomata maro. Ĉefstacidome ni renkontiĝis por trajne alvojaĝi la maron kaj persone renkontiĝi kun aliaj Esperantistoj. Atinginte la celon ili bonvenigis nin korege kaj tuj ni ekpaŝis piede en la apudmaran parkon. Promenante ni preterpasis marŝipon kaj enŝipiĝis. El laŭtparoliloj



lacigema germanlingva voĉo registrita klarigas kion oni povus alrigardi, se oni ne momente estus okupita por mendi bieron ĉe kelnero kiu alportos la drinkaĵojn tuj antaŭ ol oni devas elŝipiĝi. Feliĉe ke ĉeestas esperantaj samideanoj kiuj babilemaj mallongigis la tempon ĝis la mendita biero alvenis. Elŝipiĝinte ni ĉiuj iĝis grimpistoj kaj algrimpis la pinton de apudmara montaro. La montaro aras de tri montoj kaj ĉiu monto havis minimume dek metrojn. Ŝvitante kaj duonmortintaj ĉiuj de ni fine venkis la finan venkon. Ni alpromenis la dek metrojn altan monton kaj festis tion per grupa foto. Migrante post tiam al la fumfiŝejo malsato jam estis alveninta. Dum, antaŭ kaj kaj post la fumfiŝ-manĝado la fumisto prelegis pri fiŝoj, kaj ke la damnitaj birdoj manĝas la fiŝojn kaj ĝenas la kaptadon de la fiŝkaptistoj kiuj nun devus aĉeti altprezajn fiŝidoj por ellasi ilin. Oni ne rajtas mortigi la damnitajn fiŝkaptantajn birdojn ĉar ili estas protektitaj de leĝo. Informite kaj sate ni paŝadis al la marbordo kie la restoracia fumestro montras al ni la kaptilojn kaj la malliberejojn por la kaptitaj fiŝoj. Ni lernis ke la Angilo kiam kaptita ne plu havas anustruon, ĉar ĝi ne plu bezonas ĝin. Ni ĉiuj pli kleraj kaj sataj revenis tramigrante pul-bazaron reen al la stacidomo kie ni adiaŭis kaj unu al la alia dankis pro la bona renkontiĝo.

*Dominik Grauert*



Fotoj: Kruse/Höpken

## Solvo de Hamburg-Enigmo

La strato inter *Schwanenwik* kaj *Schöne Aussicht* sur la orienta bordo de la *Alster*-Lago ek de kelkaj jaroj nomiĝas *Eduard-Rhein-Ufer*, laŭ la iama ĉefredaktoro de la radio- kaj televid-programa revuo *Hörzu,* la plej sukcesa tiaspeca revuo en Eŭropo.




Foto: B. Klehr

## Hamburg abolas *sekreton de oficejoj*

En Junio 2012 la hamburga senato decidis, ke ĉiuj decidoj de la ŝtato devas esti publikigitaj. Tio signifas la abolon de la sekreto de oficejoj, tiel ke ĉiu civitano povu legi la kontraktojn, kiujn faras la urbaj instancoj kun iu ajn.

Do sekretaj interkonsentoj ne plu estas eblaj estonte. Tiu nova leĝo estas plua paŝo al demokratigo de la ŝtato, ĉar nun la potenculoj ne plu povas kaŝe regi la popolon, kiel tion faris reĝoj.

---

## Konstruado en la *Germana Teatro*

„Pro konstruado malfermita" estas la slogano de la nuna teatra sezono en Deutsches Schauspielhaus.

La kompleta scenejo restas fermita post la fera kurteno ĝis Aprilo 2013. La 100-jara teatro ricevas novan teknikan ekipaĵon por la scenejo kaj ĝis tiam uzas provizoran scenejon en la salono, lignan konstruaĵon sur la loko de la unuaj vicoj de la publiko.

Poste la teatro restos tute fermita ĝis Oktobro 2013, kiam okazu la nov-enaŭguro.

Iel la teatro kun la kvazaŭ centra scenejo similas al teatroj en la tempo de Shakespeare. La prezentotaj teatraĵoj do estas antikvaj ĝis klasikaj.

# Doktoro Frenezo: *Superpezo*




**Originala komikso de Kaysn**



## Naskiĝtaga feino

Dum multaj jaroj *Pia Haasis* gratulas al niaj membroj per letero okaze de la naskiĝdatreveno. Ne estas grava estrara posteno, kiun ŝi okupas en la klubo, sed ĝi estas bone kaj daŭre plenumita de ŝi. Dankon, Pia, ke vi faras tion por ni ĉiuj.

**Subtenu ESF!**
**La Usona fondaĵo ESF ebligas la funkcion de *lernu.net*.**

La organizo E@I lanĉis la kampanjon
**„100.000 eŭroj por ESF!“**
Ankaŭ Internacia Kultura Servo (ikso) partoprenas en la kampanjo
Detalojn vitrovos ĉe:
http://kampanjo.ikso.net/eo/

## Ŝtata kontrakto inter Hamburg kaj kvar islamanaj komunumoj

La tri plej grandaj islamaj komunumoj kun 90000 membroj kaj la alevita komunumo kun 30000 membroj estis la partneroj por la kontrakto kun la hamburga ŝtato.
La kontrakto enhavas regulojn por religia edukado, agnosko de festotagoj, konstruado de moskeoj kaj gvidado de infanvartejoj .
Multaj islamanoj jam dum jardekoj vivas en Hamburg, ne havante klare difinitajn rilatojn inter la religiaj komunumoj kaj la ŝtato.
Kun la kristanoj jam en 1122 estis farita t. n. konkordato, inter imperiestro *Heinrich V.* kaj papo *Calixt II.*, poste sekvis aliaj kontraktoj kun diversaj kristanaj kaj judaj komunumoj.
Per tiu kontrakto la hamburga ŝtato kiel unua en Germanio agnoskas, ke islamanoj estas normalaj civitanoj, kaj al la islamanoj ĝi donas leĝan garantion por la islama religia vivo en Hamburg.
Tio signifas, ke islamanoj nun ne devas labori, kiam okazas grava religia festotago, same kiel kristanoj rajtas peti libertempon por religiaj festoj, kiuj ne estas ŝtataj ferioj.
Tiu kontrakto por klarigi la rilaton inter la ŝtato kaj la religiaj komunumoj estas de multaj politikistoj rigardata kiel ekzemplo por aliaj landoj.

## Kolbaso-muelejo

La marko *Rügenwalder* gajnas sian monon per kolbasoj kun varbado prezentanta vent-muelejo, kiu neniam ekzistis. Kulpas *Alwine*, la edzino de la fabrikanto, kun severa rigardo kaj meze dislimita hararo. Iutage, komence de la 20a jarcento, en la pomera *Rügenwalde*, ŝi skizis ventmuelejon sur papera folio. Kaj ĉar al ŝi plaĉis, ŝi metis alojn kun aspekto de fortaj ruĝaj kolbasoj, laŭ la aspekto de tiuj kolbasoj kiuj pendis en la viandejo de *Carl W. Gottfried*, ŝia edzo. Li gvidis la viandvendejon, post establo en 1834, nun en la tria generacio. Tiel la marko *Rügenwalder* venis en la mondon. Neniu hodiaŭ povus pretervidi ĝin en la superbazaraj bretaro: Tiu kun la muelejo!
Post la dua mondmilito la viandvendista familio *Müller* translokiĝis al *Bad Zwischenahn* en *Malsupra Saksio*. Ĉar ĉiuj aĉetantoj dum jardekoj konis kaj konas la kolbasojn de *Rügenwalder* kun la reale neekzistanta muelejo, la nuna posedanto de la firmao, la Müller-posteulo *Christian Ruffus*, nun decidis, konstrui la muelejon en *Bad Zwischenahn* por realigi revon.
Oni ekkonstruis 15 metrojn altan muelejon ĉe la urbrando en protektita regiono kaj ĝi estos finkonstruita en aŭtuno 2012. Helpe de la nun reale ekzistanta muelejo la firmao Rügenwalder esperas plibonigi sian reputacion kaj la kredindecon de fabrikado de la kolbasoj.

*E. Marianne Borchert*